


*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**4a jaro** **Julio 1934** **N-ro 38**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)
APARTADO DE CORREOS 1.089

## ATENTU

**Sendu ĉiam viajn korespondaĵojn al APARTADO DE CORREOS N.o 1.089, MADRID. Gazetoj faru same po DU EKZEMPLEROJ.**

**Enviad toda clase de correspondencia al Apartado dicho anteriormente.**

TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## HISPANAJ VERSAJOJ ESPERANTIGITAJ

### LA DU EDZINOJ

Sor (*) Luz vidante foje, ke Rosaŭra
edziniĝas kun Blas,
—Jen bela edzo—diris—sed la mia
estas pli bela ja.—

Poste la ridon de la am' rigardis
ĉe l' edzino de l' vir',
kaj, ne povante sin deteni, ploris
la edzino de Di'.

*Esperantigis:* LUIS SANTAMARINA

### LAS DOS ESPOSAS

Sor Luz, viendo a Rosaura, cierto día,
casándose con Blas,
—¡ Oh, qué esposo tan bello !—se decía ;
pero el mío lo es más.—

Luego en la esposa del mortal miraba
la risa del amor,
y, sin poderlo remediar, lloraba
la esposa del Señor.

RAMÓN DE CAMPOAMOR

## ACTA DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 11 de junio de 1934, se reunió en el domicilio de la Asociación (Sagasta, 10) la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros expresados al margen.

Se aprobó el acta de la sesión anterior por unanimidad.

Se acordó por unanimidad editar los pliegos tercero y cuarto de la «Helpanta Temaro» a fin de tener preparado suficiente material de enseñanza para los cursos que han de comenzar en breve, entre ellos

(*) *Sor* estas hispana titolo de monaĥino ; ĝi signifas *fratino'n*, el latina vorto *soror*. (*Rimarko de la Red.*).

el curso experimental que se ha de explicar al personal del Cuerpo de Seguridad y Vigilancia de Madrid.

Y no habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Julio Mangada*.

Asistieron: el presidente (que llevaba la representación del vicetesorero D. Fernando Molina), el tesorero D. Julián Sosa (que llevaba la del vicepresidente D. José Perogordo), el secretario (que llevaba la del vocal D. Carlos de San Antonio), la bibliotecaria doña Visitación Martín, y el vicesecretario D. Jacinto Martín.

## LA BLINDULO KAJ LA TERKULTURISTO

de Johano de Timoneda. Hispanujo-Valencio-1490?-1597.

Kaŝis blindulo certan kvanton da mono, apud piedo de arbo, en kampo, kiu apartenis al riĉega terkulturisto. Tagon, kiam la blindulo iris por vidi sian monon, ne trovis ĝin; kaj pensante, ke ĝi estis ŝtelita de la terkulturisto, li sin turnis al lia hejmo por paroli kun li, kaj lin diris: «Sinjoro ĉar vi ŝajnas al mi, homo bona, mi volas peti de vi, konsilon, t. e.; ke mi havas monan kvanton kaŝitan en bona ŝirmejo, kaj mi nun havas alian kvanton, kiun mi ne scias ĉu gardi ĝin kun la antaŭa aŭ aliloke.» Respondis la terkulturisto: «Vere, ke mi ne ŝanĝus la gardlokon se ĝi estas tiel bona ŝirmejo, kiel vi diras.» «Tiel do, mi pensas fari», diris la blindulo. Tuj kiam ili sin adiaŭis, la terkulturisto rapidis por meti la ŝtelitan monon, en ĝian lokon, celante repreni kune, ambaŭ sumojn. Kiam ĝi estis en sia loko, la blindulo reprenis sian monon, kiun li ja pensis perdita, dirante «Neniam plu hundo al muelejo» (1), tiel li restis pli singardema.

Trad.: J. MARTIN

## A la Directiva de Hispana Esperanto-Asocio

Madrid, 4 de julio de 1934.

Muy queridos compañeros: Editado mi nuevo libro «AMELIA kaj MARINA» en número de 2.000 ejemplares, ha llegado nueva

(1) Hispana proverbo, kiu signifas: «ne estas saĝe riski sin dufoje al danĝero, el kiu oni hazarde povis eliri».

ocasión para que la anterior cesión de mis libros sea ampliada con la de esta nueva obra y modificada del siguiente modo:

1.° En lo sucesivo, todos los libros anteriormente cedidos por mí, y de cuya venta se me reservaba la mitad, serán absolutamente propiedad de H. E. A., y con la mitad de su valor de venta, que era el a mí asignado, se formará un fondo especial editorial.

2.° Mi nuevo libro «AMELIA kaj MARINA» también pasa a ser propiedad absoluta de H. E. A.; pero con la venta de él se atenderá primeramente a amortizar los gastos de su edición, y una vez amortizados (según factura de la imprenta), el resto de lo que se obtenga con la venta de ejemplares pasará a sumarse al fondo especial editorial.

3.° Con los ingresos especificados se constituirá ese fondo especial editorial que se llamará «Capital Editorial Mangada», que se llevará independientemente de los fondos de la Asociación, del que sólo se dispondrá para la reedición de las obras de que es autor el que hace la cesión y edición de las nuevas que produzca.

4.° Intervendrán el manejo de este fondo el presidente, secretario y tesorero de la Asociación, el donante y una persona designada por éste de las pertenecientes a la Asociación.

5.° El donante se reserva el derecho de emplear los fondos del «Capital Editorial Mangada» para, previo acuerdo con el autor de cualquier obra, reeditar o editar ésta en forma que el fondo no se perjudique cuando menos.

Vuestro y de la causa esperantista,

*Julio Mangada Rosenörn.*

---

## HINDA LEGENDO

Ia reĝo koleriĝis kontraŭ unu el siaj ministroj kaj ordonis malliberigi lin en la supro de tre alta turo dum lia tuta vivo. La fidela edzino de la ministro iris dumnokte ĉe la turo kaj demandis al sia edzo kiamaniere ŝi povus helpi lian forkuron. Li respondis ke ŝi revenu la morgaŭan nokton kun longa ŝnuro, longa ŝnureto, bobeno el kanaba fadeno, alia el silka fadeno, skarabo kaj iom da mielo. La edzino restis tre miregata pro tia respondo, sed obeis kaj revenis la sekvantan nokton kun la objektoj petitaj.

Tiam la edzo ordonis al ŝi ligi la korpon de la skarabo per la silka fadeno, ŝmiri per mielo ĝiajn antenojn meti ĝin sur la muro kun la kapo supren kaj lasi ĝin libera. La skarabo, flarinte la mielon kaj dezirante manĝi ĝin, eksupreniris sur la muro kaj alvenis ĝis la supro.

Tiam la ministro prenis la silkan fadenon kaj ordonis al sia edzino ke ŝi ligu la alian ekstremon al la kanaba fadeno. Kiam li jam havis la ekstremon de la fadeno kanaba ripetis la ordonon por la ŝnureto kaj fine por la ŝnuro, per kiu la ministro povis malsupreniri de lia malliberejo kaj forkuri kun sia edzino.

Tia fablo, ĉerpita el verko de hinda filozofo Vivekananda, entenas la jenan instruaĵon: se ia esperanta entrepreno ŝajnas al ni *tro peza ŝnuro*, ni ne forlasu ĝin pro tio, sed prenu almenaŭ *silkan fadenon*. Ekzemple: ni ne povas aligi milope novajn membrojn al H. E. A., sed ni povas varbi almenaŭ unu membron dum la tuta jaro, tio estas plej malgranda kvanto da varbado. Kaj je la fino de 1935ª la nombro de membroj de H. E. A. estos duobligita. Dum la venontaj jaroj ni faros la samon, tio estas, ni prenu la kanaban fadenon, poste la ŝnureton, poste la ŝnuron, kaj ni «atingos la finon en gloro».

FERNANDO REDONDO

---

# ALIA KORTO, ALIA AERO

## de Kolomano Mikszáth

(*Fino.*)

Nur mem Holubar ne estis scivola; estu kiu ajn, li venkos lin, se mem la diablo el la infero estos, nur agordi la reĝon preter lin, kaj li venkos ĉiujn ajn, estu ĉiu Toldy kaj Kinizsy. Ne, ne, antaŭ tiu-ĉi reĝo ne licas ruĝigi sian vangon! Ĉar tio-ĉi estas jam vera reĝo. Li ne envias la heroecon, kiel Podjebrad, kaj ne marĉandas kiel Frederiko, ne diras «Indulgu la mian», sed prefere li tion tondras: Ne indulgu! Jes tiu-ĉi estas reĝo.

Dum la festo de Petro-Paŭlo vere okazis la granda batalo. Maro da scivoluloj estis sur la Sigismond-kampo. La popolo bone amuziĝis, estis kion vidi, kion montri, kiun vivigi.

Unu post la aliaj venis la magnatoj kaj iliaj edzinoj. Tiu-ĉi estas Kinizsy! Tiu Ujlaki. Tie, tiuj estas Bánffi kaj Czobor. Poste alvenis la reĝino kune kun la korteganinoj, kaj malaperis en la tendo, kiel bela songo; post ŝi paŝetis paĝio (la malgranda Kazinczy Gergely) sur purpura kuseno portante arĝentan florkronon, kion donos la reĝino al la venkinto.

Jam ĉiu estas ĉi-tie, oni atendas nur la reĝon. La amaso estas jam maltrankvila. Kie povas esti la reĝo? Fine venas unu el liaj italoj, Sinjoro Galeotto, spiregante, kaj flustras al la palateno, ke la reĝo ne

povas veni, li estas okupita, pli malfrue li povos ĉi-tie esti; sed li ordonas komenci la batalon.

La palateno mansignis, la kornetoj eksonas kaj malfermiĝas la pordegoj de la batalkampo. Enrajdas kavaliro Holubar en peza kiraso super terure forta ĉevalo, oni opinius, estas turo sur la dorso de la ĉevalo, tiel grandega estas la ĉeĥo. Sur lia ŝildo la duvosta leono moke etendis sian ruĝan langon.

La murmuro de la ektimo finsonas sur la vicoj kaj la okuloj serĉas, atendas la alian.

Silente enpaŝas kun malsuprenigita kaskokrado malalta, korpulenta kavaliro, sur sia ŝildo ridetas la triobla monteto kun la duobla kruco.

Neniu scias kiu li estas. Sed ĉiu tremas pro li kaj sopiras: Nu, tiu gustumos hodiaŭ la sablon.—Nur Kinizsy krias kuraĝigante:

—Ne timu, hungaro!

Li ne timas, tute ne. Li trankvile sidas sur sia ĉevalo, kiu malpacience piedfrapas kaj mordetas sian bridon.

Nun ekkrias la *pristaldo*:

—Hura. kavaliroj!

Ambaŭ spronas la ĉevalon, kaj kun streĉita lanco ili rajdegas sur la alian. Do nun, do nun! Tiu ĉi estas la decidiga minuto, la minuto de la ekscito, inda al Dioj. La du malpaciencaj ĉevaloj tremadante, trans la naztruoj fajron vomante kuregas. Hura, hura! kriegas la ebriigita amaso. Po unu virina vekriado miksiĝas en la bruon.

Ho, kiom da impresoj, kiom da vidindaĵoj dum palpebrumado! Nun ili kolizias. Ho, mia Sinjoro! La kirasoj tintas, la lancoj fulmas. Holubar batas per sia terura ĵetlanco; la hungara kavaliro ekŝanceliĝas en la selo pro la bato, lia ĉevalo flanken saltas.

—Jen la fino, jam finiĝis!

—Ho, ne! Miraklo de mirakloj, li ne teren falis. Dio gardis lin. Li reigas sur sia reteniĝinta ĉevalo. Do, li ne estas malgranda junkro, kiu ajn kio ajn diras!

Holubar kolere grincas siajn dentojn, ke li ne sukcesis ellevi lin el la selo kaj minacante li balancas facile la ĵetlancon, kvazaŭ ĝi estus kantrunketo.

La batalpiĝistoj permesis kelke da minutoj por la ripozado, kaj ree komenciĝas la ŝtormo. Ree sonas la kornetoj. Hura! kavaliroj. Sovaĝe rajdante ili rajdegas nun, kaj alvenante proksimen, kun terura forto ili pikas la lancon unu kontraŭ la alia. Ĝi zumas en la aero, poste malakre sonas kaj terura kriego vekiĝas post ĝi, kvazaŭ blekus vundita urso. Falas sur la teron lanco, ĝi tintas, kaj tiam la kirliĝanta sablo suprenflugas, oni povas vidi de sur la dorso de la baŭmanta ĉevalo amorfan korpon fali, tra la vosto de la ĉevalo.

Kreiganta sankta Dio! Ĉu ĝi estas songo aŭ vereco? Tiu-ĉi estas la granda Holubar? La hungara bravulo sidas fierege sur la selo.

En ega bruo erupcias la amaso, kvazaŭ estus sola buŝo el kiu simila fulmotondro eliĝas la entuziasmo.

La sinjorinoj flirtigas la tukojn. La kavaliro eksaltas kaj iras al la venkito. Kinizsy malfermas vojon en la amaso per siaj fortaj pugnoj. Li, kiel unua, volas premi lian manon. Konfuzitaj kriegoj devenas aliloke. La ĉeĥa kavaliro, kun rompita brako stertoradas en la sablo. La lanco de la hungaro fruntbatis lin. «Rapide akvon, akvon.» «Rapide levi lin.» «Lia kirasita ĉevalo sen mastro elkuregis.» «Grumoj, kaptu ĝin!»

Sed ne kompatas la amaso la ĉeĥon. Ili raŭkigus en la vivigkriado, se alia demando ne ekscitus la sentojn. La hezitado ŝanĝiĝas al scivolo: Kiu povas esti la hungara heroo?

—Supren la kaskon, supren la kaskon! Kriegas miloj da buŝoj.

Profunda silento fariĝas, ĉar la pristaldo, kiu en sia maldekstra mano ŝildon haltas, levas sian frapilon. Tio estas la signo ke li volas paroli.

—Nobela kavaliro—li diris—estu kiu ajn, salutas vin la reĝo kaj la popolo. Bela tago estas por vi kaj ankaŭ por ni. Iru kaj akceptu el la mano de la reĝina moŝto la memorsignon de via triumfo.

La nekonata kavaliro pli proksimen paŝis.

La kriego ripetiĝis, kvazaŭ ŝtormo balancus la arbojn: —Supren la kaskon!

—Vere, vi devas tion fari—diris la pristaldo—. Antaŭ la reĝino de Hungarujo vi ne povas ekstari alie, ol kun senĉapa kapo!

Je tio, la kavaliro balancis la kapon kaj subite li levis kaj eljetis sian kaskon.

La siblado de la ekmirado aŭdiĝis, dolĉa varmo finkuris en la vejnojn de la homoj, fajra fulmo tra la spinoj kaj ĉielon-teron tremegiĝanta kriego elfluĝis el la koroj:

—Vivu la reĝo!

Ĉar la senkaskita kavaliro, kiu tie sidis kun levita kapo, ruĝigitaj vangoj triumfinte, estis mem reĝo Matiaso.

* * *

La venkitan Holubaron, kiu malfeliĉe falinte, rompis sian brakon, Matiaso post lia resaniĝo forsendis kun riĉaj donacoj. La ĉeĥa kavaliro vizitis ankoraŭ multe da kortegoj kaj li ĉie ne nur laŭdis la grandanimecon de Matiaso, kaj lian virecon kaj virton, sed post kelkaj jaroj eĉ revenis al Hungarujo, edziĝis, kaj koloniĝis en Komitato Fehér, kie liaj idoj vivis ankoraŭ dum la mezo de la deksepa jarcento.

*Tradukis:* NIKOLAO KLEIN

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

*Esencia y Porvenir de la Lengua Internacional.*—42-paĝa broŝuro 11×20. Korekta traduko al hispana lingvo farita de D-ro. Pompilio Romero, delegito de U. E. A. en Olanchito (Honduras), de artikolo «Esenco kaj estonteco de lingvo internacia» de la Fundamenta Krestomatio, eldonita de Amerika Esperanto-Instituto (556 State St. Madison, Wis., Usono). Prezo, 0'50 sv. fr.

Ni gratulas la tradukinton kaj la eldoninton pro tia broŝuro, kiu riĉigas la bibliografion de American Esperanto-Institute, kaj estas bona propagandilo de nia lingvo.

«*AMELIA kaj MARINA*».—Amatora poezio originale esperante verkita, de Julio Mangada Rosenörn, entenas 88 versaĵojn. La libro estas 168 paĝa, 22×16 cm., en luksa papero kaj tre klara enhavo pro granda prestipo; ĝi ĵus aperis, kaj H. E. A. liveros ĝin al la heaanoj po DU pesetoj, laŭ jam oni anoncis.

## BES-ADRESARO

Estas tre praktika, utila kaj malkara adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj kun pli ol MIL adresoj. Nia kompetenta samideano inĝeniero L. Berger (Potŝtejn - Ĉeĥoslovakujo) ĵus aperigis ĝian 12-an eldonon, kiu liveras ĉion necesan por kiu ajn interŝanĝo al interesemulo (filatelistoj kaj aliaj kolektantoj, instruistoj, advokatoj, inĝenieroj, k. c., aperas en la paĝoj de l' BES-Adresaro). Apud ĉiu nomo, aperas indiko pri aĝo, okupo, esp-funkcioj, lingvoscioj, liberhoraj okupoj, pri kio oni deziras korespondadi, kion oni kolektas, interŝanĝas, aĉetas aŭ vendas. La riĉa adresmaterialo estas tute bone aranĝita.

Por UNU svisa franko ĉiu samideano povos havigi al si la BES-Adersaron sin turnante al la dirita inĝeniero.

H. E. A. de antaŭ longe konsciis la grandan valoron de la entrepreno de S-ro. Berger kaj celadas aperigi en ĝin kiel eble plej multenombrajn heaanojn, en la lasta eldono aperas 230, kaj ĉiu el ili certe jam ricevis sian respektivan ekzempleron.

Hispana Esperanto-Asocio (Apartado 1089. Madrid) estas reprezentanto de la BES-Adresaro por nia lando, tial ĝi rajtas tantiemon po ekzemplero, sed la Asocio ne celas ian propran profiton, kaj jes tiun por la heaanoj, pro kio, ĉi tiuj, pagonte al la kaso de H. E. A. 50 centimojn el svisa franko (unu peseton kaj 20 centimojn) antaŭ ol fini decembro de ĉi jaro kaj sendonte samtempe siajn antaŭnomojn, nomojn, profesiojn, adresojn, statojn, aĝojn, dezirojn pri korespondado

kaj interŝanĝado, aperos en la BES-Adresaro kaj ricevos ĝustatempe siajn ekzemplerojn. Estas atentinde, ke se ĉiuj membroj de H. E. A. pagus tiun malgrandan sumon ni sukcesus havi la plej bonan kaj utilan membroliston de nia Asocio kun grava aldono el fremdaj adresoj por praktiki la lingvon: ĉi tio estas la celo de H. E. A., ĉi tion estus efektiviginta H. E. A. se la kotizo al ĝi estus iomete pli alta, ĉar ĉiuj atentu, ke el la DU pesetoj estas por la Tutmonda Organizaĵo (U. E. A.) pli ol *unu peseto* (0,50 el sv. fr.) kaj ke la BES-Adresaro kostus almenaŭ 0,50 el sv. fr. se ĉiuj membroj enskribiĝus. Ĉi tio kaj la spertita utilo de la BES-Adresaro vidigas ne esti malsaĝe pripensadi la konvenon altigi la kotizon al H. E. A. kiel sekvo de la nunaj cirkonstancoj de la tutmonda esperanto-organizaĵo kaj de la evidenta utilo de la BES-Adresaro. Jen ciferoj, por plej bona kompreno:

| | | |
|---|---|---|
| Kotizo al H. E. A.................................. | | 2 pesetojn jare. |
| Kotizo al U. E. A...... | 0,50 sv. fr. | 1 sv. fr. = 2,39 pesetojn jare. |
| Kotizo al BES-Adresaro | 0,50 sv. fr. | |
| | Diferenco: | 0,39 centimojn. |

Rimarku, do, la diferencon kontraŭ la kaso de H. E. A., kaj atentu ankoraŭ la poŝtelspezojn pro korespondado de la oficejo kaj sendado de la gazeto; pro kio estas saĝe opinii kotizon jaran el tri pesetoj kvindek centimoj tute justa por ke la *heaano* estu samtempe *ueaano* kaj *BES-Adresarano*, tio estas, PERFEKTA BONE PRO VIZITA SAMIDEANO. VI, KARAJ HEAANOJ, ATENTU KAJ OPINIU POR DECIDI ĜUSTATEMPE, OPINIU KAJ SENDU VIAJN OPINIOJN TUJ POR KE LA KOMITATO PROPONU LAŬ VIAJ DEZIRESPRIMOJ, EĈ POR KUNVOKI ĜENERALAN KUNVENON POR PRITRAKTI ĈI AFEROJN KUN ALIAJ ANKAŬ GRAVAJ DE NIA ASOCIO.

Ankaŭ estas atentinde, ke la Kongreso de Sevilla decidis pri neceso eldoni Adresaron de Hispana Esperanto-Asocio, kaj estas kompreneble, ke des pli grava kaj utila solvo por la decido estas ĝin trafi per la BES-Adresaro, ĉar ĝi donos, krom la heaanaro, multenombrajn adresojn de samideanoj el la tuta mondo, por kontentigi ĉiajn emojn por korespondado kaj interŝanĝado.

## ENLANDA KRONIKO

*Madrido.*—Sekve de la laboro de la Pedagogia Fako de l' Madrida Scienca Literatura Ateneo dum la ĵus fininta kurso, la prezi-

danto de H. E. A. Julio Mangada prezentis raporton pri «Solvo al la problemo de la interpopolaj rilatoj» kie li proponis la enkondukon de Esperanto en la lernejaj programoj. Tiam la Pedagogia Fako decidis la malfermon de debato pri la temo: «Esperanto en la Lernejo (a) kiel rimedo por atingi pliperfektan konon de la propra lingvo (b) kiel bazo por atingi pacifisman edukadon, kaj sendis la raporton de S-ro. Mangada al estroj de Kulturcelaj Societoj, de Liceoj, de Universitataj Fakoj, de Unuagradaj Profesoraj Lernejoj, al iaj eminentuloj, k. t. p., multaj el kiuj respondis konsente.

Tiu temo estis debatata la jenajn tagojn:

28an aprilo: parolado de Francisko Azorín, eksparlamentano socialista, je la pacifisma vidpunkto; raporto de Serapio Elvira pri la laboro de la Infana Esperantista Grupo de l' Popola Ateneo de Santander.

5an majo: raporto de Jozefo Anglada Prior pri la eduka kaj praktika valoro de Esperanto; parolado de la blindulo Angel Figuerola pri la utileco de Esperanto ĉe la blinduloj.

12an majo: parolado de Cayetano Redondo, eksparlamentano socialista, pri la graveco de Esperanto ĉe la laborista klaso; parolado de Fernando Redondo, estaba subkolonelo, pri la neceso enkonduki Esperanton en la programojn de la duagrada kaj eĉ la unuagrada lernejoj.

18an majo: parolado de pola samideano Paul von Prabucky pri utileco de Esperanto por interfratiĝo de popoloj: dank' al ĝi, li, ekzilinto en Polujo, Germanujo, Svisujo, Belgujo kaj Francujo pro politikaj cirkonstancoj, trovis en Hispanujo laboron kaj helpon de la esperantistoj, ne atentante sian fremdecon. Parolado de Julio Mangada, prezidanto de H. E. A., pri hispanilngva folkloro; tiu-ĉi parolado estis ilustrita de kantoj esperante tradukitaj de S-ro. Mangada kaj kantataj de ĥoro de gesamideanoj.

19an majo: paroladoj de Jozefo Artigas, nacia instruisto, kaj Jozefo Bordón.

La Pedagogia Fako de l' Ateneo sendos al Ministerio pri Publika Instruado la konkludojn, ĉar ĝi estas la iniciatinto de la debato.

---

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Jugoslavio.* — Dum 20-21 majo okazis en la serbo-kroata urbo Koprivnica la VII^a Jugoslava Esperanto Kongreso, kiu estis grava sukceso. Oni eldonis belan broŝuron 80 paĝan (ne enkalkulinte la foliojn de la anoncoj) kun dekduo da fotografaĵoj pri la historio de Koprivnica kaj la esperanta tiea movado. En la ĵurnalo *Podravske Novine* la urbestro S-ro. Branko Švare (malavara kuneldoninto de la

broŝuro) publikigis en esperanto salutartikolon por la kongresistoj. La broŝuro estas aĉetebla po kvar respondkuponoj.

*Bulgarujo.*—XXI bulgara esperanto-kongreso okazos en Orehovo sur Danubo la 22an-24an de julio. Protektanto de la kongreso estas la urbestro.

Estas aranĝataj dumkongresaj ekskursoj al insulo Esperanto, al la belaj urbaj vinberejoj kaj sur Danubo per boatoj. Ankaŭ vizito en Bukareŝto al rumanaj esperantistoj.

*Stockholm.*—Okaze de la venonta XXVI^a^ kongreso, oni aranĝis multajn kursojn en hoteloj, restoracioj, en la du plejgrandaj magazenoj, k. t. p. Ankaŭ grupo de svedaj geaktoroj studas nian lingvon por ludi dum la kongreso la elektitan teatraĵon de Strindberg.

Estas farita interkonsento ke en la kongresejo (la parlamenta domo) estos dum la kongreso speciala poŝtkontoro kie deĵoros esperantistaj poŝtistoj. Ankaŭ deĵoros esperantistaj policoj dum la kongreso en la centro de la urbo, por ke la fremdaj samideanoj havos helpon de ili.

*Stockholm.*—De la 23^a^ de julio ĝis la 2^a^ de aŭgusto, okazos internacia kurso de Esperanto laŭ la lumbildmetodo de doktoro Szilágyi L. K. Ĉiutage estos trihora lernado, kiun sekvos amuzoj kaj ekskursoj al ĉirkaŭaĵoj de Stockholm. Por informoj: Someraj Esp. Kursoj. Stockholm. Box 698.

La nombro de aliĝintoj al Kongreso pligrandiĝas. Espereble en la unua de julio ili jam estos ne malpli ol 1500.

La kongresontoj ricevos komence de julio la rabatilon valida por svedaj fervojoj, kaj informon kie estas aĉetotaj la rabatbiletoj.

Oni aranĝis jam 14 fakkunsidojn, nome: Abstinenculoj (por la 10^a^ de aŭgusto), Bahaa-movado (la 10^a^), Blinduloj (la 9^a^), Esp. Akademio (la 6^a^), Esp.-Institutoj (la 8^a^), Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistaro (la 7^a^ kaj la 8^a^), Internacia Scienca Asocio Esperantista (la 7^a^), Kristana Esp. Ligo Internacia (la 6^a^ kaj la 8^a^), Kooperatistoj (la 8^a^), Old Fellow (la 8^a^), Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (la 8^a^), Tutmonda Esperanto Junulara Asocio (la 8^a^), Tutmonda Esp. Kuracista Asocio (la 7^a^) kaj Universala Pacifista Ligo (la 7^a^ kaj la 10^a^).

Por ke en la internacia balo okazonta la 10an de aŭgusto en la Blua halo de la Urba Domo estu la plejgranda riĉeco de ĉarmo, koloro, belo kaj viglo, oni petas al kongresanoj kunporti siajn naciajn kostumojn.

*Litovujo.*—En Kaŭnas (Vydŭno, 8) estas baldaŭ publikigota nova gazeto, *La Tempo*, kiu enhavos preskaŭ nur ilustraĵojn pri plej gravaj kaj interesaj diversaĵoj, kiel sporto, filmoj, artbildoj, modo, filatelio, humoro, k. c., de ĉiuj landoj, litove kaj esperante.

Redakcio petas al samideanoj sendon de kliŝoj, aŭ prefere matricoj, kiuj estos nepre resendataj post la uzo, kaj rekompence ili sendos kelkajn ekzemplerojn de la gazeto. Se la resendo de kliŝoj ne estas nepra, tiam redakcio sendos plimulte da ekzempleroj de *La Tempo*.

---

## IO EL ĈIO

### MALFACILE LEGEBLA LETERO

Korespondanto sciigas nin: «Nia afero progresas multe; la pasintan monaton nia klubo havis (duciferan numeron) membrojn kaj hodiaŭ ĝi konsistas jam el (ducifera numero) membroj.» La letero manskribita estas malfacile legebla; pri la numeroj cititaj ni nur povis malĉifri ke la ciferoj de la *unuoj* de ambaŭ numeroj estas 7, sed estas neeble legi la ciferojn de la *dekoj*.

Tamen ia samideano, kiu konas la ĝustajn numerojn, diras al ni ke se ni multiplikas ilin ni ricevos produkton, kies du unuaj ciferoj estas egalaj, kaj la du lastaj ankaŭ.

* * *

### KIE ESTAS TIUJ RANOJ?

. rano, — en barelo.
. . rano, — en kinematografo.
. . . rano, — en la kuirejo.
. . . . rano, — en la homa korpo.
. . . . . rano, — en bankbileto.
. . . . . . rano, — en Jupitero.
. . . . . rano, — en la kampo, kompreneble.
. . . . rano, — en la kazerno.
. . . rano, — en la teatro.
. . rano, — en la moskeo.
. rano, — en la greno.

(*La solvoj, sur la proksima numero.*)

* * *

### SOLVOJ DE LA PROBLEMOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*Unu malgranda rondo familia.*—S-ro. A havas du filojn: E kaj I; sia fratino B havas unu filinon, C. I kaj C estas gekuzoj kaj geedzoj, kaj havas unu filon O. E havas unu filon U kaj unu filinon D. U kaj D estas gekuzoj kaj geedzoj. Ĉiuj, escepte E, estas membroj de la Asocio.

*Por kio taŭgas tiuj iloj?*—Milo, grilo, fusilo, daktilo, koĉenilo, kariofilo, aŭtomobilo.